# Aŭstraliaj Esperantistoj


## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

https://translate.google.com/

**PLENUMITA 01/09/2016 Ducentokdekkvina eldono 01/09/2016 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**





**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**

**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Marcel Leereveld**




**SENDATA AL 305.** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj

Ekstudis pli ol **507,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.
https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online (Ekde la 28a de Majo 2015)

## A v e r t o a l K o m e n c a n t o j !



Reage al bona kaj eĉ instrua ŝerco geografia de Bob F., Ŝandor M. publikigis en la ĵusa A. E. 283 pliajn ŝercojn geografiajn tiom bonajn kaj efikajn, ke ili eble frenezigas kelkajn aŭ ĉiujn komencantojn en nia lingvo. Mi deziras trankviligi ilin: la geografiaĵoj kaj esceptoj de Ŝandor estas nur (bonaj) ŝercoj, kaj ne ekzistas reale; do ne timu! Fakte la geografia sistemo de Zamenhof estas sufiĉe simpla kaj kontentiga kaj sen esceptoj se oni scias kiel uzi ĝin. Do ne konfuzatu! Se vi renkontas strangaĵojn, ilin kreis precipe postaj Esp.istoj eŭropaj, kaj tiujn sankciis la bonkora kaj helpema kaj klera membraro de la Akademio; sed vi ne bezonas uzi tiujn strangaĵojn kaj vi rajtas uzi simplajn kaj logikajn kaj senesceptajn alternativojn. Do ne malesperu kaj ne kritiku la bonvolajn Akademianojn.

Vivu nia genia kaj, kie eblas, senescepta lingvo! Marcel Leereveld.

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## La Adelajda Esperanto-klubo.





### Ekskurso al la Migrada muzeo en Adelajdo

Sandor Horvath instruas la anglan en Thebarton Senior College plejparte al enmigrintoj. Ili venas el ĉiuj mondopartoj ofte post malfacila vivo en la hejmlando. Tio donis la ideon fari ekspozicion, kiu prezentu la "realajn" enmigrantojn, ilian sorton, spertojn. Sandor kolektis centon da rakontoj, el kiuj elstaris ses, ĉiun de juna homo. Kelkaj eksponaĵoj kiel fotoj, vestoj, sporta medalo ilustris la ofte kortuŝajn historiojn, kiuj videblas en la aparta alo de la muzeo dum tri monatoj.



Nia grupeto de esperantistoj havis la avantaĝon esti ĉiĉeronata de la organizanto mem - Sandor. Estis interese aŭdi pri kelkaj komplikaĵoj, neantaŭvideblaj malfacilaĵoj. Li certe faris bonan laboron! Katja Steele




★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Margaret Chaldecott emeritiĝis for de ED



"Varmkorajn gratulojn kaj bondezirojn al Margaret Chaldecott. ✿♪♪⛴" (vidu AE 284)
Vera Payne."

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# AEA informas.

aea.esperanto.org.au

## Aŭstralia Esperanto-Asocio C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

Nian lastan estrarkunvenon per Skype (25-Aŭg-2016) ĉeestis Heather, Joanne, Indrani kaj Jonathan.

### 1. Projekto por nova saĝtelefona aplikaĵo por lernantoj de Esperanto:

Ni diskutis proponon kaj peton por financa subteno kaj kompilis liston de demandoj por la projektoteamo.

### 2. Venonta kongreso en Brizbano, 6 – 15 Januaro 2017:

La lanĉo de la "Jaro de la Lernanto" (JdL) okazis oficiale dum UK en Nitro. Do, estas propono havi novan AMO-seminarion pri lernado dum nia brizbana kongreso. Ni diskutos plu dum nia sekva kunveno. Stefan McGill skribis/as raporton pri la AMO-seminario en Bandung. Ni petos al li, ke li sendu ĝin al ni por eldonado en ESK.

Joanne raportis ke ĉiuj aranĝoj por la publika koncerto kun JoMo estas plenigitaj.

Heather ricevis du petojn por helpo de afrikaj esperantistoj, kiuj deziras partopreni la kongreson. Tamen, ĉiuj similaj penoj por ke afrikanoj partoprenu niajn antaŭajn kongresojn estas rifuzitaj de la aŭstralia registaro. Do, ni demandas, ĉu la penado valorus?

### 3. Azia Agado:

Lee Jungkee, dum la UK en Nitro, diskutis kun Heather ideon pri Aŭstralio estu parto de la "Azia Agado". (Nuntempe ni estas parto de Oceanio.) Ni bezonas pli da informo pri kio tio signifus.

Venonta kunveno: 8-Sep-2016.

Jonathan Cooper

**Post evento, ĉu vi raportas pri tiuj en meetup, fajsbuko, ktp.**

**PETO.** Sendu viajn Esperantajn novaĵojn ankaŭ al AE (Aŭstraliaj Esperantistoj)
Se vi fieras pri viaj Esperantaj fotoj, videoj, rakontoj, kluboj, agoj, amikoj ktp
Uzu la "Aŭstraliaj Esperantistoj" novaĵletero por informi viajn Aŭstraliajn, Novzelandajn kaj eĉ mondajn Esperantajn amikojn . rspring@tpg.com.au

## Instruado ĉe ge-Steele-oj  de Adelajdo



Same kiel pasintjare, ankaŭ en 2016 Katja kaj Trevor Steele gastigis en sia hejmo lernemulojn.

De Januaro ĝis la fino de Aŭgusto Trevor donis 16 lecionojn al Giselle Robin, kiu en Majo, pro malsano, ĉesis venadi, sed tenas la kontakton kun sia instruisto.

24 lecionojn havis aliaj 8 personoj (ne ĉiu venis ĉiufoje) en du grupoj: 3-4 komencantoj kaj mezniveluloj kun Katja, la pli spertaj kun Trevor.

Estas ĝojige, ke kelkaj membroj de la grupo sentas sin pretaj mem instrui la novajn interesiĝantojn.

Katja Steele



1, fine de la instruado la 27-an de Aŭgusto



2, la dua parto de la grupo



## La Manlia Esperanto-Klubo.

Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabatojn. 10atm

Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Unu taso da senpaga kafo

Manly Esperanto-Klubo kunvenos ĉisabaton je la 10 atm ĝis la 12tm. Ĉiam bona kunveno. Venu!

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# ESPERANTO-DOMO SIDNEJO

**143 Lawson Strato, Redfern.**

Kunvenos ĉidimanĉon je la 1 ptm ĉiuj estos bonvenaj. Antaŭe je la 11 atm okazos la jara kunveno. Ni petas la anojn de la federacio venu kaj partopreni en la elekto de la 2016/2017a estraro.

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Hildegard von Bingen kaj konstruitan lingvon.



Mi interesiĝis pri Hildegard antaŭ multaj jaroj kiam mi ĝuis koncerton en Melburno de ŝia bela muziko kaj estis kun granda surprizo ke kiam mi vizitis la Esperanto-Muzeon en Vieno antaŭ kelkaj semajnoj mi trovis informon ke ŝi verkis konstruitan lingvon *Ignota lingua* aŭ ('Nekonata lingvo'). Ŝi kreis ĝin supoze laŭ Dia revelacio ). Por skribi ĝin, ŝi uzis propran alfabeton de 23 literoj, Temas pri la plej malnova konata priskribo de konstruita lingvo. La priskribo fakte nur konsistas el listo enhavanta 1012 vortojn, ĉiuj substantivoj.

Tiu pluekzistas ene de du manuskriptoj de libroj kun ampleksa kroma enhavo, la *Riesenkodex* kaj Berlina manuskripto.

La *Riesenkodex* enhavas latinan tradukon de ĉiu vorto, la Berlina manuskripto germanan.



Hildegard naskiĝis en la jaro 1098 en Bermersheim, kaj mortis en Septembro 1179 en la monaĥinejo Rupertsberg/Bingen)

Hildegard, proklamita Doktoro de la Eklezio en 2012, estas celebrata kiel verkistino, muzik- komponantino, kosmologino, artistino, dramverkistino, filozofino, poetino, politika konsilantino, mistikulino, teologino, natur-studantino, sciencistino). Ŝi estas venerata kiel sanktulino en la romkatolika eklezio, kaj alte estimata ankaŭ en aliaj eklezioj.

Jam kiel eta infano Hildegard havis viziojn, kiujn nek ŝi nek ŝia familio komprenis. Kiam ŝi havis ok jarojn, oni portis ŝin al la monaĥinejo Disibodenberg, kie ŝi ricevis ampleksan instruadon. Inter 1112 kaj 1114 ŝi fariĝis benediktanino kaj eklaboris laŭ la benediktana regulo (= *Preĝu kaj laboru*). En la jaro 1136 la abatino de la monaĥinejo mortis kaj Hildegard transprenis ties taskojn.

En 1141 ŝi denove havis vizion: Dia voĉo instigis ŝin fiksi kaj disvastigi siajn sciojn. Post ioma hezito — laŭ la tiamaj konvencioj ne decis al virinoj meti sin tiel en la centron de la atento — ŝi dum la sekvaj dek jaroj, kun helpo de sia sekretario Volmar, skribis sian plej gravan teologian verkon *Scivias* ( *Sciu la vojojn*). Komence ekleziaj gravuloj iom hezite rigardis ŝian agadon; tio ŝanĝiĝis, kiam dum la sinodo de Trier en 1147 Bernardo de Clairvaux kaj la ĉefepiskopo de Mainz sciis veki la specialan atenton de Papo Eŭgeno la 3-a, kiu, okupiĝinte pri la vivo kaj la verkado de Hildegard, kuraĝigis ŝin daŭrigi sian laboron.

La papo foje eĉ nomis ŝin germana profetino.

Dum tiu ĉi tempo ŝi havis plian vizion: Ŝi forlasu la sekurecon de la monaĥinejo Disibodenberg kaj fondu novan monaĥinejon sur la monto Rupertsberg. Ekde 1150 ŝi kun 20 monaĥinoj dum pluraj

jaroj dediĉis sian tutan energion al la konstruo de sia nova hejmo. En tiu nova monaĥinejo apud Bingen ŝi vivis siajn plej produktivajn jarojn. Tie ekzemple ŝi komponis ankaŭ la muzikon, kiu nuntempe denove faras ŝin tiel fama. Tiu ĉi muziko estas same malsimila disde la tiutempe kutima muziko kiel ĉiuj ŝiaj ceteraj verkoj estas karakterize malŝablonaj: fakte oni povas konsideri ĝin kiel tute propran branĉon de l' Gregoria muziko, se entute ĝi meteblas sub tiun kategorion.

Malgraŭ sanproblemoj Hildegard von Bingen faris kvar longajn vojaĝojn, dum kiuj ŝi predikis kaj al klerikoj kaj al la popolo. Ŝia influo fariĝis tiel granda, ke eĉ reĝoj, episkopoj kaj sciencistoj el tuta Eŭropo koresponde petis ŝian helpon aŭ konsilon. Kiam ŝi (en la aĝo de 81 jaroj) mortis, oni jam adoris ŝin kvazaŭ sanktulinon. En la nuntempo la medicinaj scioj de Hildegard, ŝia maniero sanigi per herboj kaj ŝtonoj, trovas vastan aprezon, sed ĉefe ŝiaj muzikaj komponaĵoj retrovas intereson kaj oni denove ludas kaj surdiskigas ilin.





Heather Heldzingen kaj Vikipedio

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

# Reta Vortaro

http://kono.be/vivo/

ensaluti

## ViVo (Vikia Vortaro)

ViVo havas 2 funkciojn:

- **ViVo-serĉilo**
  Serĉilo en diversaj retaj vortaroj: ReVo, Vikipedio, Majstro, Komputeko, Lernu, Wiktionary, Glosbe (por ensalutantoj), LangSoft, EoRu.ru, WordReference, Encyclo-EN, Merriam-Webster, Encyclo-NL, Enzyklo-DE, Bildvortaro de Esperanto (libro), kaj la propra BiVo (BildVortaro).
  Aldoni la serĉilon al via serĉbreto de Firefox por viaj lingvoj: eo, en, zh.
- **ViVo-vikio**
  *ViVo estas celita por la vortoj kiuj "vivas" kaj do ankoraŭ povas "morti", malaperi. Multaj el ili meritos la eternan vivon kaj eniros la paradizon por la vortoj, tio estas la ReVo (Reta Vortaro) de Esperanto.*

  La ViVo-vikio estas diskutejo, antaŭpreparejo por aliaj vortaroj kaj terminaroj kiel ReVo, Vikivortaro kaj la vortaro de Lernu
  La enhavo estas tute libera, ĉiu rajtas fari ion ajn kun la enhavo eĉ sen mencii la fonton, sed la enhavo devas ĉiam resti tute libera kaj neniu rajtas forpreni ĝin. Neniu redaktanto rajtas postuli iun rajton kaj aliflanke neniu rajtas forpreni la liberecon de ViVo.

Ĉiuj proponoj, trovitaj eraroj kaj kritikoj estas bonvenaj, kaj povas esti sendataj al vivo-funkcio@googlegroups.com kaj estas konsulteblaj ĉi-tie. Tien estas ankaŭ sendita kiuj estas la planoj por ViVo, la 'farindaĵoj'.

Regardu http://kono.be/vivo/
kaj sendu komentojn al AE